ESPERANTO EN AFRIKO



Oficiala bulteno de la Afrika Komisiono de UEA Numero 29 (2016: 4)

*Karaj legantoj,*

*Jen la 29-a numero de la bulteno "Esperanto en Afriko". Ĝi atingas vin kun iom da malfruo, kaj mi pardonpetas pri tio. Unue, la restado en Eŭropo post la 101-a Universala Esperanto-Kongreso en Nitro, Slovakio, kaj intensa laboro nun por la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto fortiris min de la ordinaraj taskoj.*

*La vizito de la nuna Ĝenerala Direktoro de UEA kaj TEJO en la kontinento, same kiel la unua renkontiĝo de TEJO kadre de la projekto Afrik-Eŭropa Junulara Kapabligo en Kotonuo, Benino, rakontiĝas en la sekvaj paĝoj de la bulteno.*

*Afrikanoj ne nur komencis verki, kelkaj el ili ankaŭ komencis komponi kantojn en Esperanto kaj ion tian ne eblas prisilenti en tiu ĉi numero. Bonvolu do prilegi ĉe la paĝo 8 kaj aŭskulti per la ligilo en la teksto unu el la kantoj de tiuj junaj talentoj en la kontinento. Aliaj projektoj estas en pripenso kaj pri ili aperos raporto en alia numero de la bulteno.*

*Bonvolu subteni Afrikon en ĝiaj diversaj agadoj.*

*Dankon kaj ĝojplenan Kristnaskon!*

***La redakcio***

# Vizito de la Ĝenerala Direktoro de UEA kaj TEJO en Afriko

La nova Ĝenerala Direktoro de UEA Veronika Poór vizitis Afrikon fine de septembro kaj komence de oktobro 2016. Ŝin akompanis al Togolando la Ĝenerala Sekretario de TEJO Arina Osipova kaj Pierre Vittet, la kunordiganto de la projekto "Afrika-Eŭropa Junulara Kapabligo" (AEJK).

En Aného, Togolando, la Ĝenerala Direktoro kaj ŝia delegacio gvidataj de du togolandanoj vizitis la sidejon de la 73-a IJK, kie ĉiuj havis gvidadon tra la ejo kaj poste interparolon kun ĝia respondeca mastrumanto. La gastoj venis poste al la Ministrejo pri Komunikado, Kulturo, Sportoj kaj Civila Formado en Lomeo. Tie okazis kunveno kun la Vicministro. Estis varma kaj fruktodona diskuto, ĉar la aranĝo de la IJK en 2017 ricevos apogon de la Ministerio pri reklamoj en naciaj amaskomunikiloj.



**Dum diskutgrupo en Lomeo**

En salono de la universitata centro St Jean dudeko da esperantistoj, el kiuj estis kvar el sep eks-prezidantoj de la landa asocio, venis renkonti la gastojn. Malgraŭ laciĝo pro longaj

vojaĝoj, tiuj ĉi ne povis malhelpi sin en amikema etoso ekkonatiĝi kaj babili kun la ĉeestaj togolandanoj. Unue, ili prezentis pri UEA, TEJO kaj la projekto AEJK kaj poste okazis viglaj kaj neformalaj interŝanĝoj en du diskutgrupoj, kiuj neatendite formiĝis por ebligi intervenon de ĉiuj en bonaj kaj taŭgaj kondiĉoj ĝis malfrua vespero.

La postan tagon, la delegacio kaj lokaj fortoj partoprenis en la matena programo *L'bala* de la landŝtata televido TVT. Sekvis poste urborigardo, kiu kroniĝis per vizito al la ĉefa bazaro de Lomeo, ŝanĝo de valuto kaj butikumado.

Malgraŭ prema programo, en sia hotelo, Veronika tamen sukcesis trovi tempon por disponigi sin por bonvenigi kaj akcepti ĉiujn togolandajn esperantistojn, kiuj tiam interesiĝis renkontiĝi kaj babili kun ŝi.

Dum Pierre, Arina kaj tri togolandaj esperantistoj enaŭtiĝis direkte al Kotonuo, kie disvolviĝos la kapabliga seminario de TEJO, Veronika kaj du togolandanoj veturis al *Radio Lome* posttagmeze kaj tie partoprenis en rekta radio-elsenda programo "spaco de junuloj".

Iom pli poste la Ĝenerala Direktoro de UEA kaj TEJO kaj Adjé Adjévi vojaĝis kaj alvenis dumnokte en Lokossa, kie sidejas la Afrika Oficejo de UEA en Benino.

En Lokossa okazis vizitoj al la AO, al la lernejo *Jules Verstraeten*, publika renkontiĝo kaj interŝanĝoj kun lokaj esperantistoj grupe kaj unuope danke al zorga aranĝo de Bernard Gnancadja, volontulo de la Afrika Oficejo de UEA, kun la helpo de Latifou Gbadamassi, la prezidanto de la benina E-asocio ABeE.




**Beninanoj kiuj venis renkontiĝi kun Veronika Poór.**

Frumatene de la posta tago ni triope pluvojaĝis al JoCa, kie okazas la seminario de TEJO antaŭ mia revojaĝo al Togolando.

Tiu vizito estas historia ĉar plejverŝajne estis la unua fojo, kiam la Ĝenerala Direktoro de UEA kaj TEJO vizitis Afrikon por tiel de proksime kontaktiĝi kun lokaj fortoj kaj ĉeeste interŝanĝi kun ili. Tio helpis starigi valorajn kontaktojn, vidigi nian Esperanto-movadon al ekstera publiko kaj revigligi la lokan movadan etoson. Certe niaj gastoj bone gustumis kaj ĝuis sian restadon, lernis multon pri la regiona Esperanto-komunumo kaj pri aspektoj de la ĉiutaga vivo en Benino kaj Togolando.

**Adjévi Adjé**

# Instigo por plua kaj plia agado en la kontinento

Karaj geafrikaj esperantistoj, mi gratulas vin pri viaj respektivaj laboroj por Esperanto en la kontinento. Baldaŭ estos la jarfino, tiel ni devas kuraĝe pli labori laŭ la ritmo de la nova Ĝenerala Direktorino de UEA kaj TEJO, nome Veronika Poór. Ŝi senlace laboras por la bona evoluo de Esperanto, vere laŭdinda estas ŝia engaĝiĝo.

Mi invitas nin ĉiujn sekvi ŝian paŝon por ke la nova jaro 2017 estu eventplene fruktodona. Mi sendas koran gratulon al UEA, ILEI, TEJO kaj al ĉiuj aliaj organizoj, kiuj efike semas aŭ flegas Esperantan grajnon ĉie tra la tuta mondo.

Estos la unua Internacia Junulara Kongreso (IJK) en Afriko kaj junaj togolandaj esperantistoj preparas ĝin en Aneho, Togolando, de la 5-a ĝis la 12-a de aŭgusto 2017. Mi invitas ĉiujn al tiu grava kaj historia evento, kiu montras al la tuta mondo kaj aparte al Afriko la internaciecon de Esperanto.

En Kotonuo (la ĉefurbo de Benino) kaj en Lokossa (la urbo kie sidejas la Afrika Oficejo de UEA) mi volonte akceptos kaj gastigos ĉiujn, kiuj ŝatas partopreni en la posta kongresa programo en Benino por pli koni la verdan movadon tie.

**Agbenou Francis**

# La 6-a Afrika Kongreso de E-o sur bonaj reloj

Jam 88 personoj el 23 landoj aliĝis al la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto. Temas pri rekorda kongreso el la historio de afrikaj kongresoj laŭ la listo de la aliĝintaj landanoj. Multaj aktivaj Esperanto-agantoj, bonvoluloj de la tanzania movado arde laboras kunlabore kun la Afrika Komisiono de UEA por pretigi la plej sukcesan kaj agrablan kongreson.

Lige kun *La Jaro de la Lernanto* lanĉita de UEA kaj ILEI, okazos dumkongrese lingva kaj ekzamena sesioj, kiujn gvidos afrikanoj kun la helpo de la Vicprezidanto de Universa Esperanto-Asocio Stephan MacGill. Jam enskribiĝis trideko da kuraĝaj afrikaj ekzamenotoj por ĉiuj tri niveloj de la movadaj ekzamenoj.

Ankaŭ en aliaj mondpartoj oni aktiviĝas por helpi diskonigi la internacian lingvon ĉeeste en la kontinento per interesaj programoj. Unu el tiuj ĉi programoj estas la karavano el Azio kun 11 koreaj esperantistoj al la kongreso sub la gvido de prof. So Gilsu. Similan aranĝon prizorgas s-ro Arnaldo Rebelato el Brazilo.

En la AKE gastprelegos altrangaj figuroj de la Esperanto-medio i.a. Gábor Márkus, Tahira Masako japana esperantistino kaj aliaj. Certe aliaj aktivaĵoj por igi la renkontiĝon agrable ne forgesebla estas ankoraŭ en preparado kaj pri ili la partoprenantoj mem prefere havos plaĉan surpriziĝon ĝui ilin surloke.

AKE-6 ĉefe okupiĝos pri la temo *Paco kaj Disvolviĝo,* i.a. la disvolvo de la afrika kulturo, kune kun disvolvo de Esperanto en la kontinento. Mallonge, la organizantoj prepariĝas por kunaltigi la prestiĝon de la enkontinenta movado en la centro de la tanzania urbo Bunda, de la 24-a ĝis la 31-a de la tuj sekva decembro.

Ĉiuj, kiuj ne povas mem ĉeesti la renkontiĝon en Tanzanio por rekte interkontaktiĝi kaj paroli kun afrikaj gesamideanoj, bonvolu sendi salutmesaĝon al ĝi. Ĉiuj salutmesaĝoj estos bonvenaj kaj voĉlegataj dum la kongresa inaŭgura ceremonio. Ili aperos ankaŭ en la kongresa kajero.

# Movadaj ekzamenoj kaj lingvo-sesioj

Dum la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto en Bunda, Tanzanio, de la 24-a ĝis la 31-a de decembro, okazos, sub la gvido de internacia teamo en kiu membras Stephan MacGill, Vicprezidanto de Universaka Esperanto-Asocio, lingva kaj ekzamena sesioj kun diversaj niveloj de ILEI — Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj.

Se vi deziras trapasi tiujn movadajn ekzamenojn por koni je kia grado vi konas Esperanton, bonvolu anonci vin al: emimalanda@gmail.com.

Aliĝu por testi aŭ plibonigi vian lingvo-scion dum la 6-a AKE!

Ni petas vin, bonvolu diskonigi tion ĉi ĉirkaŭ vi, al viaj samlandanoj kiuj ne havas retaliron.

Antaŭdankon !!!

**La organizantoj**

# Invito prelegi en la 6-a AKE

La Afrika Komisiono de UEA kaj la Tanzania E-movado feliĉas vidi vian nomon inter la aliĝintoj de la 6-a AKE. Ni tre antaŭĝojas akcepti vin en Bunda!!

Certe vi deziras kontribui al la sukceso de la renkontiĝo ne nur per simpla ĉeesto, sed ankaŭ per prelego pri la Esperanto-movado en via lando aŭ pri iu ajn alia temo. Via propono estas tre bonvena.

Bonvolu sendi etan resumon (maksimume duonpaĝan) pri via prezentaĵo kun indiko, kiom longe ĝi daŭros, kaj vian biografieton al: adjevia@gmail.com, por la kongresa kajero.

**Legu la bultenon *Esperanto en Afriko* en la reto: www.esperanto-afriko.org Vi estos bonvena inter la legantoj!**

# Kongresa emblemo




Logotipo estas signo dezajnita por esprimi identecon, kaj la emblemo por la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto estas jene argumentata kaj prezentata por ke ĉiuj povus kompreni la ideon malantaŭ tiu bildo.

La emblemo estis farita surbaze de la tanzaniaj naciaj koloroj: flava, blua, verda kaj nigra en kiu la teksto estas skribita. La kvin dikaj punktoj reprezentas la nunajn membrojn de la Afrika Komisiono de UEA. La stelo reprezentas movadanojn en ĉiuj kontinentoj, kiuj estas kompreneble bonvenaj al la kongreso. La mapo de Tanzanio en la fono de la stelo diras, ke tiu estas la lando kie okazas la evento. La suba verda speco de soklo (kontinentaj movadanoj kiuj restarigis kaj garantias la daŭrigon de tiu ĉi kongresa tradicio) kun la cifero 6 ĉe la centro montras, ke temas pri la 6-a fojo, kiam la kongreso organiziĝas.

# Kongresa regularo

** Rajtas partopreni al AKE-6 ĉiu esperantisto aŭ simpatianto, kiu pagis sian aliĝkotizon.*
** La kotizo enhavas nenian asekuron.*
** La kotizo ne inkluzivas loĝadon, manĝadon kaj ekskursojn. Tiuj ĉi servoj pagendas aparte.*
** La kotizo estas transdonebla al alia persono, sed ne redonebla.*
** Ĉiuj aliĝintoj devas submetiĝi al la leĝo de la lando, kie okazas la kongreso.*
** La oficiala lingvo dum la AKE estas ESPERANTO.*
** Ĉiu dumkongresa ekskurso okazos, se aliĝos minimume 10 personoj.*
** Ĉiu kongresano anoncas al membro de la Kongresa Organiza Komitato sian foriron el la kongresejo, kaze ke li aŭ ŝi deziras memstare ekskursi ien ajn.*
** Ĉiu kongresano estas petata respekti la aliajn kongresanojn, evitante ĝenajn bruojn dumnokte kaj similajn situaciojn.*
** Eventualaĵojn ne priskribitajn en tiu ĉi regularo pritraktos la organizantoj.*

# Mono en Tanzanio

En Tanzanio oni uzas Ŝilingojn kun moneroj je 50, 100 kaj 200, kaj biletoj je 500, 1000, 2000, 5000 kaj 10 000.
1 usona dolaro ŝanĝeblas kontraŭ 2100 Ŝilingoj, kaj 1 EUR kontraŭ iom pli ol 2250 Ŝilingoj.

# Kongresa kotizo

La baza aliĝkotizo estas en eŭroj kaj dependas de tri landokategorioj kaj tri aliĝdatoj. Loĝado, manĝoj, ekskursoj kaj aliaj servoj estas aparte pagendaj por alikontinentanoj.
Ekde junio la civitanoj el:
A: Norda Ameriko, Okcidenta Eŭropo, Japanio, Suda Koreio, Israelo pagas 40 eŭrojn.
B: Landoj de Orienta Eŭropo, landoj de Sud-Ameriko kaj Ĉinio pagas 35 eŭrojn.
C: Ĉiuj landoj en Afriko kaj nemenciitaj landoj ĉe A kaj B pagas 10 eŭrojn por aliĝi.

# Komputiloj por AO

Kiel parttempa oficisto de la Afrika Oficejo de UEA en Benino, mi deziras informi ke AO riĉiĝis je deko da porteblaj komputiloj por ebligi al ĉiuj esperantistoj, kiuj vizitas la oficejon, ankaŭ komputile labori aŭ lerni.

Dankon al Jean Codjo kaj al liaj kanadaj gestudentoj, kiuj malavare donacis tiujn ilojn nun je la dispono de la benina junularo.

La retpaĝo de la junulara sekcio en Benino (BOJE): http://tejo-benino.webs.com/eventoj.htm

**Bernard Gnancadja**

# Kapabliga projekto de TEJO en Kotonuo, Benino

Pli ol 20 gejunuloj el Afriko kaj Eŭropo renkontiĝis en Kotonuo, Benino, dum la unua renkontiĝo de la projekto AEJK – afrika eŭropa junulara kapabligo. La projekto koncentriĝas pri kapablokonstruado de junuloj pere de neformala edukado kaj pri trejnado de trejnistoj. Ĝi ebligas proksimigi membrojn el foraj landoj kaj pliriĉigi nian komunumon. Krom ekkonado de malsamaj kulturoj kaj labormanieroj pere de reciproka trejnado, la konkreta rezulto estos telefona aplikaĵo kreita per materialo de la trejnado.

La projekton kunkreas TEJO kaj ĝiaj Landaj Sekcioj el Pollando, Slovakujo, Italujo, Burundo, Togolando, Benino, Kongo (Kinŝasa). Ĝiakadre okazos kvar renkontiĝoj. La ekiga evento ĵus okazis en Benino en oktobro 2016. La trejnado estos organizita en Italujo en aprilo 2017. Dum la Internacia Junulara Kongreso en aŭgusto 2017 en Togolando paralele okazos debata evento pri la temo "La virinoj kaj viroj en siaj kulturoj" kaj projekta evento dediĉita al la telefona aplikaĵo. La ferma renkontiĝo okazos en Pollando en decembro 2017.

La buĝeto de la tuta projekto estas 142 490 eŭroj. El tiu sumo TEJO devas proprarimede financi 13 320 eŭrojn, dum la subvencio de la programo Erasmus+ egalas al 129 170 eŭroj.

La renkontiĝon en Kotonuo gastigis Hôtel JoCa. La evento ne povus okazi sen organizado fare de Pierre Vittet kaj sen surloka helpo de Mireille Grosjean, Privas Tchipke, Bernanrd Gnancadja kaj Latifou Gbadamassi. Al sukceso de la renkontiĝo kontribuis ankaŭ la asocio SSB – Scio Sen Bariloj, pagante la aliron al la gazetoj kaj radio.





Grupa foto ĉe la fino de la seminario

Dum la unuaj du tagoj de la renkontiĝo okazis trejnado pri organizado de IJK, gvidata de Karina Mąkosa kaj Natalia Żebrowska. Trejniĝis interalie togolandaj kaj beninaj organizantoj de la venontjara IJK en Aneho. La ĉeestantoj ricevis scion pri tio kiel aspektas administrado kaj financoj de la evento, kiel oni konstruas organizan teamon, el kio konsistas kongresejo kaj multe lernis pri kreado de programo. Kvankam la tempo por la trejnado estis tre malmulta kaj ĝi facile povus bone plenigi tutan semajnon, la partoprenintoj estis pli—malpli kontentaj pri tio kion ili lernis.

Dum sekvaj tagoj okazis renkontiĝo jam rekte rilata al la AEJK-projekto mem. Oni konatiĝis kun la ĝenerala kadro de la projekto, diskutis pri la bezonoj kaj planis la agadon. Okazis prezentado de landaj sekcioj. Sekvis ĝin gvidata de Sara Spanò kaj Francesco Maurelli analizado ene de la organizoj pri siaj fortoj, lamaĵoj, oportunoj kaj minacoj. Fine oni preparis pli detalan tempoplanon por la projekto kaj diskutis diversajn, ĉefe teknikajn dubojn kiuj aperis.

Malgraŭ la alta humideco kaj varmo, la laboro estis tre intensa por povi trakti la punktojn priskribitajn en la projektopriskribo. Kelkaj partoprenantoj malkontentis pri la organizado kaj bedaŭris ke ne eblis trakti ĉiujn gravajn punktojn profunde. Aperis propono, ke sekvontfoje tia projekta kunveno estu pli longa



kaj alimaniere organizita, por povi ĝin gvidi pli diverse – malpli da tempo estu dediĉita al analizado de propra laboro, dum pli estu efike uzata por krea laboro.

Intertempe, por iom ripozi de multa laboro, okazis ege interesa ekskurso al la vilaĝo Ganvie, kiun organizis por ni Bernard Gnancadja. La vilaĝo estis kreita, kiam en la regiono oni kaptadis sklavojn. Grupo de loĝantoj forkuris al eta insulo meze de la lago kaj tie kreis vilaĝon. Kiam ekmankis loko sur la insulo, oni komencis konstrui domojn sur palisoj super la akvonivelo. Nun plejparto de la vilaĝo estas sur la lago.

Ekster la renkontiĝo okazis kelkaj aldonaj eventoj. Antaŭ kaj post la renkontiĝo oni vizitis la kongresejon de la IJK en Aneho, Togolando. La ĉeestantaj Veronika Poór, la Ĝenerala Direktoro de UEA kaj TEJO, Sara Spanò, Estrarano de UEA, kaj Arina Osipova, la Ĝenerala Sekretario de TEJO, havis okazon viziti la Afrikan Oficejon de UEA en Lokossa. Okazis ankaŭ transdono de la IJK-flago de Pola Esperanto-Junularo organizinta ĉi-jaran kongreson en Vroclavo al Junulara Organizo de Togolandaj Esperantistoj, kiu okazigos la IJK-n en 2017 en Aneho.

Ĉi tiu evento donis vere gravan sperton pri interkultura laboro. Ne mankis surprizoj kaj miroj pri tio kiom foje tre malsame ni laboras kaj malsamajn problemojn havas. Oni multe lernis dum interesaj diskutoj pri tio, kiel agordi komunikmetodojn, por ke la kunlaboro estu komforta por ĉiuj, ĉar evidentiĝis ke ni kutimas uzi malsamajn ilojn. Sendube nun, kiam oni jam konas unu la alian kaj kunlaboros rete inter la renkontiĝoj, pli facilos sukcese okazigi sekvajn erojn de la projekto.

**Łukasz Żebrowski**

## Kelkaj impresoj

Mi volas danki ĉiujn, kiuj kontribuis al la realigo kaj sukceso de la unua renkontiĝo kadre de la AEJKa projekto, kiu ĵus finiĝis. Ni faris kontentigan renkontiĝon kun tiom da belaj programeroj kaj interesaĵoj. Estis bela la etoso en la hotelo JoCa.

Alia memoraĵo estas la vizito de Veronika

******************************************

**Limdato por *Esperanto en Afriko* n-ro 30: 15-a de januaro 2017**

*Kion faras via landa asocio aŭ via loka Esperanto-klubo en via loĝloko? Bonvolu verki kaj sendi artikolon pri tio. La redakcio akceptas ankaŭ fotojn. Bonvenaj kompreneble estas ankaŭ sugestoj, konsiloj, komentoj por la plibonigo de la bulteno al:* afrika.oficejo@gmail.com, adjevia@gmail.com *aŭ aerpoŝte al: Afrika Oficejo de UEA, B.P. 416, Lokossa-Mono, Benino; tel./fakso: +229 224 10 229.*

*"Esperanto en Afriko" estas trimonata oficiala periodaĵo de la Afrika Komisiono de UEA pri la Afrika Esperanto-movado.*

***Redaktas:*** *Adjévi Adjé, 06 B.P. 61807, Lomé – TG, Togolando; tel.: +228 902 57 549, 995 72 623.*

**Membroj de la Afrika Komisiono de UEA:**
1- **Kunordiganto** – Adjévi Adjé, Togolando
2- **Vickunordiganto** – Jean Codjo, Kanado
3- **Junulara agado, TEJO-sekcioj** – Jérémie Sabiyumva, Burundo
4- **ILEI-sekcioj, regionaj agadoj** – Émile Malanda Nianga, Sudafriko
5- **Landaj asocioj, kluboj** – Jean Bosco Malanda Lutete, DR Kongolando

Poór, la Ĝenerala Direktoro de UEA kaj TEJO, al la Afrika Oficejo de UEA en Lokossa. Ŝi bone interkonaktiĝis kaj interŝanĝis kun homoj kiuj akceptis ŝin. Estis tre agrable kun ŝi. Mi tre dankas ŝin kaj ankaŭ tre dankas homojn, kiujn venis renkonti ŝin.

**Bernard Gnancadja, Prezidanto de BOJE**

*****************

Mi malkovris novajn konojn, labormanierojn, kiuj nun fortigas min daŭrigi la aktivadon en la Esperanto-movado. La celo de AEJK, laŭ mi, estas atingebla kaj kune ni konstruos novan, fortan kaj harmonian generacion de esperantistoj laŭ la celo de Zamenhof.

Impresis min pozitive la juneco kaj la entuziasmo de la getrejnistoj, kiuj surbaze de siaj spertoj lertigis nin pri tio kiel organizi internacian renkontiĝon.

La konoj akiritaj dum tiu ĉi unusemajna seminario ebligas al mi nun kaj certe al la aliaj afrikaj partoprenintoj por pli bone zorgi pri niaj unuopaj landaj sekcioj poste. Mi sentas min energie preta labori kun aliaj por la organizo de la 73-a IJK en mia lando.

**Koffitchè Koufionou, Sekretario de JOTE**

# BOJE havas Estraron

Ĉirkaŭ 50 gejunuloj el diversaj kluboj, precipe el la regiono de *Athiémé*, *Ouédémé*, *Lokossa* kaj la vilaĝo *Koĝi* venis al la duagrada lernejo de *Adohoun* por elekti en Ĝenerala Asembleo provizoran estraron de Benina Organizo de Junaj Esperantistoj (BOJE), la 11-an de aŭgusto 2016.

Ĉeestis la asembleon, krom gejunuloj, kelkaj observantoj kaj estrarano de la landa asocio ABeE. Ĉio komenciĝis je la 9-a horo per prezento pri BOJE kaj ĝiaj agadceloj. Poste oni diskutis pri ĝia estonteco, nome la neceso de regula renkontiĝo inter la elektotaj membroj de la estraro por revigligi la sekcion. Estis decidite, ke BOJE nek agade, nek finance dependos de la landa asocio ABeE.

Post unuhora diskutado, venis la momento elekti la provizoran estraron. Tuj stariĝis tripersona elekta komisiono, kiu prizorgis la tutan procedon, kies fino kroniĝis per elektiĝo de naŭ-persona Estraro. Jen la nomoj de la Estraranoj laŭ la ĉi-apuda foto:



Eke Athanase (Organizanto), Ahonon Gobi (Organizanto), Rigobert Adegbey (Organizanto), Joseph Sadohoundé (Vic-sekretario), Huguette Agbassou (Kasistino), Bernard Gnancadja (Prezidanto), Norbert Sadohoundé (Sekretario), Kakpo Sonadé (Organizanto). Mankas Cyprien Guiya (Vic-prezidanto) sur la foto pro foresto.

La precipa tasko de tiu provizora estraro estas relanĉi kaj vigligi la junularan sekcion ĝis la elekto de la definitiva estraro de BOJE. Ĝi devas prizorgi la bonan funkciadon de ĉiuj lokaj kluboj per instigo al la klubanoj kotizi, instrui kaj reklami pri Esperanto en lernejoj por interesi gejunulojn pri BOJE.

La prezidanto de la ĵus elektita estraro promesis raporti regule pri la movoj de BOJE. Li esprimis ankaŭ la bezonon regule ĝisdatigi kaj flegi ĝian retpaĝon: http://tejo-benino.webs.com.

# Nekrologo

S-ro MBOGE MBELE Jean Marie, 1927-2016, longtempa delegito de UEA, instruisto de Esperanto, prezidanto kaj fondinto de Asocio por Esperanto en Kameruno (AEK), membro de Monda Turismo, forpasis la 10-an de septembro 2016.

Jean Marie partoprenis la centjaran jubileon de Esperanto en Varsovio 1987. Kiam li revenis hejmen li fondis kaj gvidis multajn E-grupojn. Plej grandan parton de sia vivo li dediĉis por Esperanto.

# Eŭropo de pli proksime

Mi vojaĝis al Eŭropo kun la ĉefaj celoj vigle paroluzi kaj spontanee Esperanton, prezenti pri mia kontinento por lerni ankaŭ pri Esperanto-vivo en la gastigantaj landoj, de la 16-a de julio ĝis la 30-a de aŭgusto 2016.

Ĉiam sub bona humuro disvolviĝis mia ĉeesto en la 72-a IJK en Vroclavo, Pollando, la 101-a UK en Nitro, Slovakio, kaj la 49-a ILEI-konferenco en Nyíregyháza, Hungario.

En la unua renkontiĝo mi sufiĉe lernis pri *kapabligo* kaj aliaj aktualaj, sed interesaj temoj kaj vendis T-ĉemizojn kunportitajn el mia lando. Dum la 101-a UK, kiu arigis pli ol 1300 personojn el 65 landoj de la 23-a ĝis la 30-a de julio, mi kunprezentis dum kunveno por ĉ. 60 personoj la subtemon *Kontraŭracismaj agadoj*, prizorgis la aranĝon de la Afrika tablo dum la movada foiro, prelegis pri la afrika agado, vendis la libron *Afrikaj Proverboj*, donis entute kvar intervjuojn por televido kaj radio. En Nyíregyháza mi same aktive prezentis pri la afrika movado de UEA kaj Evegbe — mia etnogrupa lingvo.

Mi poste vizitis geamikojn kaj rondvojaĝis al kelkaj germanaj E-grupoj, al kies membroj mi prezentis pri miaj Esperanto-aktivaĵoj, aspekto de la togolanda kulturo, la filmo *Togolando, la rideto de Afriko* de la Ministerio pri Turismo. Klubanoj kaj miaj gastigantoj siavice prezentis urborigardon, vizitojn al vidindaĵoj kaj kuriozaĵoj surlokaj.

Ĉiuj povis ĝue profiti mian vojaĝon. Miaj gastigantoj tre bone kondutis kaj povis diversmaniere lerni pri miaj lando kaj kontinento. Ankaŭ mi ĝuis mian restadon: fortigante la ligon kun miaj geamikoj, kreis novajn, progresis en projektoj kaj revenis hejmen kun novaj.

http://esperanto-en-togolando.jimdo.com/fotogalerio montras kelkajn fotojn pri mia turneo.

Dankon al ĉiuj kiuj iel ebligis kaj kontribuis al la sukcesa disvolviĝo de mia restado en Eŭropo, sen forgesi aliajn, kiuj donacis por la afrika agado. Mi vere bedaŭros se eble oni pensos, ke mi ne taksis kiel konvenas la diversajn subtenojn, kiujn oni portis al mi, pro la malfruo de tiuj miaj dankvortoj.

**Adjé Adjévi**

# Revo mia


Agbénou Françis

Muzika omaĝo en respekto, jen tio, kion ofertas al ni la togolandano Agbénou Y. Françis, por omaĝi al Universala E-Asocio, honori al meritplenaj geamikoj de Afriko, kiel Hans Bakker, s-ino Mireille Grosjean k.s. Temas pri bone komponita muzikaĵo je sento, pasio kaj emocio por ankaŭ celebri la E-komunumon.

*Rumb-stila miksiĝo sub afrika ritmo. Tre agrabla kaj vigliginda laboro. Dankon, kara Françis*, tiel esprimis sin s-ro Agbolo Didier Apeléte pri la komponita muzikaĵo nun aŭskultebla per la ligilo:https://www.youtube.com/watch?v=00rUYxykmjE&feature=share

Revema— almenaŭ en tiu sia kanzono — la aŭtoro parolas pri revo kaj amo. Françis havas, krom por la lingvoj, pasion por la muziko. Li loĝis en kelkaj afrikaj landoj, el kies kulturoj li certe elĉerpis sian inspiron. Agbénou Y. Françis estis unu el la iamaj fondintoj de la Esperanto-Klubo Venko kaj la orkestro «Verda Kvartalo» en Togolando. Tiu muzikgrupo plurfoje faris koncertojn dum Togolandaj Esperanto-Kongresoj el kiuj tiu de 2001 brile sukcesis per la melodio *Kara sinjoro Renato, gratulon!* Dediĉaĵo al tiutempa prezidanto de UEA, kies ĉeesto estis anoncita kadre de la 9-a TEK.

Pro la politika malstabiliĝo de 2005 en Togolando, Françis devis rifuĝi al Benino, kie li jarojn poste laboris en la Afrika Oficejo de UEA kiel oficisto. Nuntempe li vivas inter tiuj du landoj kaj dediĉas sin parte al la muziko.

En Afriko kaj aparte en ĝia okcidenta regiono ekzistas kelkaj individuaj esperantistoj kun muzika talento. Ili preskaŭ ĉiuj havas unuopajn interesajn kanzonojn. Povos ekesti nova muzika kunlaboro en Esperantujo por realigi komunan projekton. La ideo estos produkti diskon, sed en Esperanto, kun voĉoj el la tuta regiono. Tio sonas kiel bela revo, almenaŭ el la kultura vidpunkto pri la bildo de la morgaŭa Afriko en Esperantujo.

**La redakcio**